============================================================

**ESPERANTO EN AFRIKO**

Bulteno de la Afrika Komisiono de UEA
1-a numero Junio 2006
============================================================

Karaj geamikoj,

Finfine, jen la unua numero de la bulteno de la Afrika Komisiono de UEA. En gxi vi legos sinsekve:

- Vortojn de la prezidanto de UEA
- Vortojn de la kunordiganto de la Afrika Komisiono.
- Informojn pri la afrika movado
- Mallonge pri la novaj servantoj en la Afrika Oficejo de UEA.

Bonan legadon al vi cxiuj !

La Redakcio.

*****************************************************

SALUTO AL LA LEGANTOJ DE "ESPERANTO EN AFRIKO''

Karaj legantoj de "Esperanto en Afriko",

Mi salutas vin okaze de la apero de la nova revuo de la Afrika Komisiono. Hazarde cxi tiu revuo aperas en 2006, la Jaro de Afrikaj Lingvoj, proklamita de de la Asembleo de la Pinto-konferenco en Hxartumo de la Organizajxo por Afrika Unuigxo (23-24 de januaro 2006-a).

Esperanto intertempe igxis unu el la afrikaj lingvoj kaj perspektive gxi intencas farigxi la tutafrika interkomunika lingvo. La movado por Esperanto en Afriko, fakte, estas jam matura partnero de la landaj instancoj, almenaux en kelkaj landoj, por la agadoj intencitaj por cxi tiu jaro. Esperanto, krome, utilas por senperaj rilatoj inter afrikanoj el cxiuj partoj de la kontinento, kaj per tio gxi kontribuas al la procedo, laux kiu afrikanoj konscias pri la unueco de la kontinento kaj pri la neceso bazigxi sur siaj propraj fortoj por evoluigi gxin.

En la lingva kampo esperantistoj povas kontribui al forigo de la mita tromulteco de lingvoj en

Afriko, kiu malhelpus uzi ilin en lernejoj. La multeco de lingvoj en Afriko donas impreson de sencxesa fragmentigxado. Pli deproksima ekzamenado rivelas konvergxojn kaj strukturajn similecojn por suprajxe malsamaj kulturoj, klanoj kaj lingvoj. Proksimume 85% de la afrika logxantaro parolas 15 kernlingvojn. Kvankam leksike nesamaj, tiuj cxi lingvoj estas similaj morfologie, sintakse kaj fonologie. Se lingvistoj trans naciaj landlimoj en la subsahara Afriko kunlaborus por normigi leksikojn, eblus uzi tiujn cxi lingvojn por instrui ne nur en la unuaj tri klasoj de la bazlernejo, sed ankaux poste en pli altaj gradoj.

En cxi tiu kadro ni asertas ke la optimuma lingvo por la rolo de interafrika kaj internacia lingvo estas la internacia, neuxtrala planlingvo Esperanto. La uzo de kiu ajn alia nacia lingvo estas maljusta, kauxzas homajn suferojn kaj kauxzas perdon de mono kaj de tempo flanke de la lernantaj socioj kaj en la longa dauxro malaperon de lingvoj kaj de kulturoj.

La instruado de Esperanto kiel fremda lingvo, cetere, estas avantagxa kompare kun la instruado, ekzemple, de la angla aux de la franca (pli granda facileco kaj sekva atingo de la lernoceloj en parteto de la tempo, pli malmultekosta instruado pere de lokaj instruistoj kaj lokaj materialoj). Afrikaj landoj, do, povus sxpari multe da mono per lauxgrada ekuzado de Esperanto. Ni opinias, ke la sxparoj realigeblaj per la transiro de, ekzemple, la angla al Esperanto en la instruado de fremdaj lingvoj en Afriko kunportus tiom gigantajn sxparojn, ke ili suficxus por venki kelkajn el la problemoj de malsanoj, malsato kaj de starigo de sistemoj de kvalita instruado, por kiuj nuntempe mankas rimedoj. Krome en Afriko multe pli da spaco povus esti donata al la lernado de najbaraj afrikaj lingvoj.

Apud cxi tiuj gxeneralaj celoj la Esperanto-movado ankaux havas pli praktikajn celojn, tio estas krei senton de solidareco kaj kunlaboro inter la parolantoj de Esperanto. En tiu kadro rilatoj inter afrikaj esperantistoj kaj tutmondaj esperantistoj vaste okazadis kaj pluokasadas. La Afrika Komisiono per siaj rimedoj provos intensigi ilin.

La Afrika Komisiono havas la cxefan celon disvastigi Esperanton en Afriko kaj tiucele gxi subtenas cxefe per materialoj cxiujn provojn instrui Esperanton cxie en Afriko. Bonvolu kompreni, ke gxi ne povas disdoni monon, sed gxi ja povas disdoni lernolibrojn.
La Afrika Komisiono, fine, subtenas cxiujn klopodojn de afrikaj esperantistoj organizitaj loke kaj lande. Kelkaj landaj asocioj jam ekzistas. Sed en la venontaj jaroj ili espereble fortikigxos kaj aliaj naskigxos. Bonvolu kompreni, ke organizado kaj kunlaborado estas tio, kio igis iam la afrikajn tribojn kaj imperiojn potencaj, kaj ke organizado kaj kunlaborado estas tio, kio igas modernajn popolojn ricxaj kaj potencaj.
Do, bonvolu organizigxi kaj kunlabori inter vi kaj kun la Afrika Komisiono de UEA. Tiu estas la nura vojo antauxen. Tion atendas de vi la eksterafrikaj esperantistoj.

Renato Corsetti
Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio

------------------------------------------------------------------------------

**NOVE-MALNOVA BULTENO**

Karaj gesamkontinentanoj,

Kelkaj el vi certe jam auxdis pri nia tute nova gazeto ESPERANTO EN AFRIKO. Fakte, tute nova gxi ne estas, cxar kiam mi eklernis esperanton en la jaro 1988, gxi jam ekzistis. Intertempe gxi malaperis, sed kontrauxe al la legxo de la progreso, la nova Afrika Komisiono apogis la ideon revekigi gxin. Jen denove gazeto, kiun Hans Bakker, pioniro de la ekzisto de esperanto en nia kontinento, preskaux sole redaktis kaj disdonis, kiam la nura kanalo por atingi afrikanojn estis la posxtoficejo. Tiel rapide la afero ne tiom funkciis kompare al la situacio de hodiaux, sed gxi almenaux estis tre efika. La reapero de ESPERANTO EN AFRIKO ne nur estas rezulto de gxia efikeco, sed ankaux signo de honoro vid'al vide al la laboro de Hans Bakker. La sukceso de nia gazeto dependas de ni. Gxi estas bela kanalo, kie vi rajte vocxumu viajn zorgojn, projektojn, proponojn rilate al la movado enlanda, afrika kaj tutmonda. Ni dauxre sciigu al la tuta mondo la ekziston, evoluon kaj funkciadon de la movado en nia kontinento. Mi kaptas tiun-cxi okazon por memorigi, ke la funkciado de la instancoj de nia movado ankoraux dependas de donacoj de malmultaj mecenatoj eksterafrikaj, kiuj ofte ne estas ricxaj. Tiuj mecenatoj ne vere atendas miraklojn de ni, sed ili certe gxojos, ke iliaj etaj helpoj ne nur kontribuas efike al enradikigxo de esperanto en afriko, sed ankaux al konsciigxo pri uzo de helpo por sin liberigi de helpoj. Tio estas fakte natura legxo : oni vere ne sendependigxas, kiam oni eterne dependas de helpo. Je la nomo de la Afrika Komisiono mi deziras al vi agrablan legadon de ESPERANTO EN AFRIKO kaj esperas, ke cxiuj el vi, cxu komencanto cxu progresanto, kontribuos al gxia sukceso.

Jean Codjo,
Kunordiganto de AK

*******************************************************

**EHXOJ AFRIKAJ**

*REVENAS LA ESPERO (D. R. Kongolando)

Miskomprenoj dauxre kauxzas abomenindajn eventojn tra la mondo. Bedauxrinde kelkaj samideanoj igxas viktimoj de tio cxi. Grupo de esperantistoj en Ruthsuru devis forlasi siajn hejmojn forrabitajn de militistoj. Rolis efike la esperanto-movada solidareco dank'al la Fondajxo Espero kiu provis sukcese revenigi esperon.

Jen vortoj de la koncernitoj.

« Vere, pravis kiu diris ke "Estas dum malfelicxoj ke oni rekonas veran amikon". Ni, geesperantistoj el la distrikto de Rutshuru en la orienta parto de la Demokrata Respubliko Kongolando dum longa tempo sentis nin forlasitaj de la tuta esperantistaro. Mankis al ni ecx eta simpla rekuragxiga mesagxo. Hodiaù, ni dankas Dion cxar ni ricevis mesagxon pere de niaj geamikoj el Goma esperanto-klubo kiuj nin gastigis dum nia fugxo en la urbo Goma kiam nia distrikto estis atakita de ribelantoj. Ni gxojas, ke finfine oni (la esperanta komunumo) pensis al ni. UEA pere de sia prezidanto sendis al ni iom da mono. Cxi-tie multvaloras la gesto ol la mono kiun oni al ni sendis. Ni kore dankas al la tuta esperantistaro.
Karaj geamikoj, ni pensas ke esperantisto estas tiu homo kiu amas sian fraton. Ni certas ke tiu gesto multe kortusxas cxiujn niajn geamikojn el Virunga Esperanto Klubo kaj tiamaniere homoj konscios pri esperanto kaj iom post iom ni atingos nian celon kiu estas la disvastigo de la internacia lingvo esperanto.»

Viaj geamikoj el Virunga Esperanto-Klubo
Distrikto de Rutshuru en Kogolando D.R.

-----------------------------------------------------------------

ESPERANTO CXE LA NACIA RADIO-STACIO (Burundio)

Ekzemplo de land-nivela informado en Burundio estas la intervjuado de Sabiyumva Jérémie kaj lia amiko Bosco el Rumonge, far jxurnalisto de la nacia radiostacio. Por la dua fojo, esperanto disauxdigxis tra la nacia radio-stacio. Unuafoje estis kiam S-ino Kapista estis intervjuita de jxurnalisto de edukada radi-elsendejo Radio 'Nderegakura'

El raporto de SABIYUMVA Jérémie
BP:170 RUMONGE
BURUNDI

--------------------------------------------------------------

**BELA ATINGO DE LA KLUBO STELARO (Lukala-D. R. Kongolando)**
Ekde la 29-a de majo 2006, la klubo Stelaro en Lukala ekdisauxdigas Esperanton che la radio 'Bangu'. La dissendo okazos 30 horojn : de 4:15 gxis la 4:45 cxiulunde.
Dokumentojn kaj bendojn helpigajn vi povus sendi al :
Stelaro de Lukala, p/aJoseph Nlandu Luyala, BP 7598 KIN 1,CILU/Lukala, RD-Congo

--------------------------------------------------------------------

**GESTUDENTOJ DE KUIRARTO INFORMIGXIS PRI ESPERANTO (Togolando)**

Unuafoje, la klubo UVA kaj JOTE, la junulara sekcio de la landa asocio UTE, okazigis komune informtagon al kiu 34 gestudentoj de la privata kiuirarta lernejo Avenida partoprenis cxe la marbordo en Lomé, la 11-an de marto 2006.

S-ro Tété-Badu Nyinévi, vicprezidanto de UVA prezentis la lingvon Esperanto kaj s-ro Adjé Adjévi klarigis pri la manifesto de la movado por la internacia lingvo Esperanto. Sekvis scivolemaj demandoj de la partoprenantaro.

Aldone okazis debatoj pri eksterlingvaj temoj i.a pri Malsanoj Sekse Transmisieblaj kaj Aidoso. Ne mankis krome lud-konkursoj, kiuj ebligis ricevi esperantajxojn kaj materialojn disponigitajn de asocio togolanda por la familia bonstato ATBEF kaj de la nacia programo por lukti kontraux Aidoso PNLS.

Senescepte, cxiuj montris kontentigxon, kaj sugestis plioftigon de renkontigxoj. La naskigxintajn rilatojn nun varmigas Esperanto-kurseto sine de lernejo Avenida post oficialaj kurshoroj.

---------------------------------------------------------------------------

**KONGRESO DE EASA (SudAfriko)**

De la 27-a de aprilo gxis la 5-a de majo 2006 okazis la 3-a Sudafrika Esperanto Kongreso en Muizenberg apud Kaburbo (Cape Town) en Sudafriko. Ghi estis la unua, kiu allogis plurajn homojn el eksterlando: venis grupo el Pollando, esperantistoj el Ganao, Namibio, Zimbabvo kiuj aldonigxis al Sudafrikaj samideanoj.
Inter la kongresaj programeroj rimarkinda estis publika diskuto pri plurlingveco, dum kiu konata lingvoaktivulo Dr. Neville Alexander sin esprimis favore pri esperanto kaj bonkore akceptis donacitajn esperanto-librojn. Cetere okazis por instruistoj trejnkurseto gvidita de Oliver Mazodze, diskutoj pri uzado de Esperanto en Interneto, prelegoj de s-ro Andrzej Grzebowski (Pollando) pri Internacia Studumo pri Turismo, de Lucyna Sowinska (Pollando) pri Junulara E-Teatro kaj de Oscar Sher (Sudafriko) pri judaj kutimoj. Cxiutage okazis tre interesaj ekskursoj al diversaj lokoj.
Esperanto Asocio de Sudafriko (EASA) okazigis sian jarkunvenon dum tiu chi kongreso kiu estis ankau okazo por lanchi zuluajn brosxurojn dum la publika vespero.

El raportoj de Magali von Blotnitz kaj Andrzej Grzebowski

-----------------------------------------------------------------------

**KURSO PRI ESPERANTO EN LA UNIVERSITATO (Angolo)**

En "Lusíada" (Luando-Angolo) okazis kurso sub la gvidado de s-ro Miguel Faria de Bastos. Al gxi partoprenis dudeko da interesigxantoj. Cxiu leciono, antauxvidita kun la dauxro de 1 horo kaj duono, cxiam dauxris inter 2 aux 2 horojn kaj duonon laux peto de la lernantoj mem.
Retmesagxo kuragxiga de la prezidanto de UEA aparte gxojegis la partoprenantojn.
Ni esperu kun la gvidanto Faria de Bastos, ke por revivigi la estraron de la nun stagnanta Angola E-Asocio helpos iam tiuj kursanoj.
Fine de la kurso estis planata testo por la kursanoj kaj disdono de diplomoj al la sukcesintoj.

---------------------------------------------------------------------

**PARADMARSXO**

Okaze de la Universala Tago de Instruado en D.R.Kongolando, la 30-an de aprilo 2006 okazis paradmarsxo de cxiuj lernejoj de la komuno de Makala en DRK. 20 gelernantoj de la lernejo C.S.ELIKYA kiuj eksperimente lernas la lingvon Esperanto paradmarsxis kun la esperanto-flago kaj rubando kie legeblas en la franca lingvo: « Ni lernas Esperaton (universala kaj paca lingvo) en la klaso cxar ni volas pacon en D. R. Kongolando kaj Afriko ».
Cxeestis la eventon la vic-prezidanto de la respubliko respondeca pri socio-kulturaj aferoj, la komunestro kaj la ministro respondeca pri minaj aferoj.

S-ro Ferdinand Kinkani, kultura konsilanto de la landa asocio DKEA, profitis por disdoni fotokopiojn pri projekto al la auxtoritatoj kaj jxurnalistoj kiuj partoprenis la eventon.

El raporto de Ferdinand KINKANI.
B.P. 6055 Kin 6 R.D.Kongo
-----------------------------------------------------------------------------

Anoncitaj:
- Landa Kongreso en Nigxerio cxirkau decembro 2006
- Landa Kongreso en Burundio en Rumonge.
En ambau landoj estis starigita LKK kun la respondeco prizorgi la organizadon de la eventoj.
Diskutoj kaj ideaj intershanghoj okazas inter tiuj du LKK kaj AK. Esperanto en Afriko informos vin pri pashoj faritaj por efektivigi la aranghojn.

************************************************************

**NOVAJ SERVANTOJ EN LA AFRIKA OFICEJO**

*

Nun estas nova alveninto en la korto de la Afrika Oficejo de UEA. Li nun dejxoras kiel help-oficisto.Temas pri mi : Kodjo Benoît ZINKPE. Mi naskigxis en la jaro 1966 sude de Benino cxe la landlimo Togolando-Benino. Mi eklernis la internacian lingvon cxe s-ro Hans Bakker dum la jaroj 1985, kiam mi estis ankoraux scivolema liceano.

Farigxinte esperantisto mi komprenis ke mi ankaux devas labori por la disvastigado de esperanto en mia lando Benino. Tiam mi kreis esperanto-klubon en Guéné kiu trovigxas en la norda parto de la lando. Poste pro laboraj kialoj mi devis foriri el Guéné al Parakou kie denove mi kreis novan klubon : Verda Flamo. Aktuale estas tria klubo kreita de mi, kiu dauxrigas sian agadon en Aplahoué mia naskigxa vilagxo. Ankaux mi partoprenis al pluraj esperanto-kongresoj. Do kompreneble dank'al esperanto mi vizitis : Togolando-n, Ganao-n, Nigxerio-n, Nigxerlandon, kaj fine Francujo-n. Komence de januaro 2006 pro mesagxo de nia komuna amiko François Hounsounou, mi tuj komprenis ke mi estas identigita por dejxori en la Afrika Oficejo de UEA en Lokossa. Senhezite mi akceptis, kvankam mi konsciis pri la amplekseco de la taskoj, kiuj sendube atendus min. Tiam mi devus rezigni pri la pikilo por pensi pri la klavaro: kia riskemo !

Hodiaux mi fiere dejxoras en la Afrika Oficejo de UEA en Lokossa. Certe mi ne gajnas milionon por farigxi ricxulo, sed mi estas felicxa esti iomete utila al UEA, kiu dum dekjaroj laboras por la disvastigo de Esperanto en Afriko.

Ben ZINKPE.

---------------------------------------------------------------------------

* Respondeculo de AO
En 1970 aperis en la mondo nova vizagxo de knabo kies gepatroj nomos lin Raoul Kouamigan Hounnake. Diplomigxinte pri filozofio kaj beletro fine de siaj liceaj studoj, li farigxos studento pri juro kaj magistrigxos poste pri la sama fako.
Pro interesigxo al lingvoj, kiel gimnaziano, li lernos esperanton trovinte korespondan kurson Ferez cxe samklasano. Sekvos poste estraranigxo en la klubo Verda Stelo de Lome, instruado de Esperanto, partopreno al diversaj esperanto-renkontigxoj: la Afrikaj Kongresoj, la Togolandaj Esperanto-Kongresoj en kies organizado li ankau helpas, la UK en Berlino, IS en Germanio en 1992 kaj 1997, Faulhaber-semajnfino en Nederlando, prelegoj en diversaj esperanto-kluboj en Afriko kaj Europo. Li ankaux rolos intertempe kiel vicprezidanto kaj poste kiel sekretario kaj prezidanto de Unuigxo Togolanda por Esperanto, Afrika Komisionano, ktp.

En 1992 dum europa restado, lia vojo kondukis lin al dusemajna restado en la CO de UEA dank'al stipendio de UNESKO. Interesigxinte pri la tiea laborsistemo, kun la helpo de s-ro Hans Bakker

tiama respondeculo pri Afrika Agado, li revenos al la CO en 1997-'98 kaj en 1999 por pli longa restado dum kiu li spertos funde pri la laboro kaj funkciado de UEA helpante al la starigo de la Afrika Oficejo. Rehejmigxinte sojle de la nova jarmilo li dauxrigos sian esperanto-laboron helpante al Hans Bakker kadre de la Afrika Agado. Kiam naskigxis la strukturo Afrika Oficejo kiu lokis en Lome, Raoul laboris en ghi kiel oficisto. En januaro 2005, pro diversaj malsamopiniecoj, li demisios de la malnova oficejo en Lome kaj reiros al sia fako. Jen li denove revenas al la Afrika Oficejo nova kie li dauxre spertas pri la senlandlimeco de la esperanto-movado kaj povas helpi al la afrikaj esperantistoj.

R. K. H.

*****************************************************************
Viajn komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn kun fotoj pri okazintajhoj en via urbo au lando bonvolu sendi al la redakcia adreso afrika.oficejo@uea.org
au poshte al: Afrika Oficejo, BP 416 Lokossa-Mono, Rep. BENIN
*****************************************************************